# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**
NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO
http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/
auto 9/12/2012 Okdekoka Eldono 2012 9/12/2012 SENDITA

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else
La informa kaj noma paĝoj nur aperos en la dekaj eldonoj

## GRAVAJ DATOJ vidu Tamen Plu redaktas Katarina Taggart

Se vi ne ricevas Tamen Plu aŭ 'Aŭstraliaj Esperantistoj', aŭ ricevas dufoje, informu AE.

**Kiam oni ne informas, onidiroj plenigas la mankon da informado**
**Skribu, informu 200 retadresaranojn de AE pri viaj novaĵoj**

# NOVAĴOJ

## ALKLAKU la hiperligilojn







AŭSKULTU, LEGU **ESPERANTAN RETRADION** TAGE Informaj rakontetoj, Bona lingvo, Malmultaj minutoj. Plibonigu vian Esperanton
http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

## 3ZZZ

En Melburno vi povas aŭskulti lundon de la 1a ĝis la 2a ptm je 92.3 FM



De ie ajn en la mondo eblas aŭskulti dum la semajno kiam la programo estis elsendita je 3zzz.com.au aŭ iam ajn en la arkivigejo www.melburno.org.au. Aŭdeblas la voĉo de Alan Bishop, Karl Egger, Laszlo Farkas, Franciska Toubale kaj de multaj intervjuitoj
Kontaktu 3zzzesperanto@gmail.com

# *Fabeloj Ilustritaj*

http://www.kunlaboro.pro.br/esperanto/fabeloj/




## fiziko




Karaj,
Ĉu vi deziras iom serioze studi fizikon? Nun vi povas fari tion en Esperanto per belega baza kurso senpage elŝutebla (107 paĝoj).

http://esperantosudtirolo.wordpress.com/

Amike, Nicole

**Parolu angle aŭ mortu!** Tiel estas traktataj francinoj en Melburna buso. La 28jara aŭstralia komikisto Mike Nayna filmis en Melburno gravan incidenton pri lingva rasismo, la nokton inter la 10-a kaj 11-a de novembro en aŭtobuso de la metropolo. ktp

http://www.youtube.com/watch?v=splaT-J8P0k Amike, Nicole



Karaj,
Ĉar kristnasko alproksimiĝas, estus bone rememorigi la legantojn pri tiu ĉarma kristnaska rakonto:

http://www.youtube.com/watch?v=Cue7M9_GHNQ amike Nicole

Karaj,
Jen kanto pri lingvolernado kun partoj en pli ol 30 lingvoj (unu el ili estas Esperanto).

http://www.youtube.com/watch?v=6HZbBLl4FA0 Amike, Nicole

*La plejmulto de la homaro legas tutajn vortojn, ili uzas la formon de la vorto ekskluzive por gvidi ilin dum la legado. Ĉi-tiu ebleco eble multege rapidigas la procezon de legado inter tiuj homoj..* xx (simile看懂)

2012-09-04 11:30:04 Respondi / Raporti rubmesaĝon de Lernu Roger

*eitanulo skribis*:

*Ĉu vi rimarkas iujn ajn malsimilaĵojn, kiam vi legas la du venontajn frazojn*?..

1. *BEL HUND ĈAS* L'*KAT*'N
2. *BELA HUNDO ĈASAS LA KATON*

*Jes, la unua estas tute neprononcebla.*

Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Ĉu estas bona kont-libro?

# AEA Informas

Kunveno okazis la 6-an de decembro.




Ne estos Aŭstralia somerlernejo dum januaro 2013, estos Bonkora Kongreso 17-21 Januaro 2012 en Melburno.

# LETEROJ mallongaj de la legantoj



Malpli ol duona paĝo Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena

Skribu al ni







# LETEROJ IOM LONGAJ



Pli ol duona paĝo Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena

## LETERO DE ELSTARA ESPERANTO-ORFO

Mi tre ŝatis la instigon far Roger Springer en *AE87*: "Vi apartenas al la Esperanto-Familio de Aŭstralio. Helpu nian familion koni unu la alian", kaj mi dankas al li pro la enmetado de ADELAJDA ESPEREJO en la rubriko KLUBNOVAĴOJ, kiu informas pri aktivaj kluboj kaj grupoj en Kvinslando, NSK, Viktorio, kaj Tasmanio. Ni esperu, ke baldaŭ aperos ankaŭ kontakt-detaloj pri aktivaj grupoj en Kanbero, Okcident-Aŭstralio, kaj Norda Teritorio.
Pro lia aperigo de miaj kontakt-detaloj, mi ricevis telefon-alvokon de S-ro Ian McArthur el Ulverstone, Tasmanio. Tiu sin anoncis kiel Esperanto-orfo, klarigante ke li ekesperantistiĝis tute sola en urbo kie tute mankas aliaj esperantistoj. Pro mia mencio pri *Gerda Malaperis*, li bonege laŭtlegis kelkajn frazojn el tiu rakonto, kaj tiam menciis, ke dum decembro li vizitos parencojn siajn en Adelajdo. Kompreneble mi invitis lin viziti ankaŭ min. Hodiaŭ mi ricevis de li la jenan retmesaĝon. Evidentas, ke li bone sin instruas la lingvon.
Max Wearing.

Kara Max,
Mi ricevis kun plezuro vian respondon al mia telefono-alvoko, 29-an de novembro. Vian afablan inviton viziti vin merkrede, la 19-an de decembro, mi akceptas. La aeroplano de

Melburno alteriĝos ĉe Adelajda Flughaveno je la unua, posttagmeze. Mi havos transporton kaj atingos vian adreson, espereble, mallonge poste, se tio estas oportuna por vi. Post la vizito al via hejmo, mi veturos al Hope Valley kie mi gastos. En la sekvantaj tagoj: ĵaŭdo, vendredo kaj sabato, espereble mi povus renkontiĝi kun viaj esperantaj amikoj. Ĝi tiel plaĉos al mi. Mi estas dankega pro via helpo.
Sincere, Ian McArthur.

## Skribu al AE

AE havas 200 ricevantojn.



# KLUBNOVAĴO

Informas la aktivaj kluboj kaj grupoj







## Central Coast Esperanto Club

kunvenis Sab 2ptm 8a dec 2012 Bamboo Buddha Café
221 Wattle Tree Road, Holgate NSW 2250

## La Brisbana Esperanto-Societo

Je la 15a de decembra, ni iros al Toowoomba por celebri la Zamenhofan Feston kun Esperantistoj tie. Ni nun havas Facebook paĝon kaj ankaŭ, ni estas ĉe www.meetup.com/Brisbane-Esperanto-Society/
Dankon al Crystal ke ŝi arangxis tiujn. Kay Anderson



## La Tasmania Esperanta Societo

kunvenas, ĉiun jaŭdon je la Metz trinkejo, Sandy Bay.
Je la 7-a ĝis 8:30 ĉe Metz kaj poste ni kutime kune vespermanĝas...
Roberto Budzul

## ADELAJDA ESPEREJO, ĉe 81/9 East Tce ADELAIDE 5000

sabate 10.30 - 12.30 Brendan Linnane gvidas pri *La Bona Lingvo*
vendrede 10.00 - 12.00 Max Wearing gvidas pri *Gerda Malaperis*
Max Wearing <mwearing@internode.on.net> tel (08) 8359-3375



## La Melburna Esperanto Klubo

Kiel kutime, la Melburna Esperanto Klubo renkontiĝis ĉe Ross House je 6.30 ptm lunde. Heather



**Esperanto Kafo Klubo de Kanbero** kunsidas ĉiujn vendredojn je la 5a ptm en Cafe Fontaine kiu troviĝas en la plej supra nivelo de la Canberra Centre. Ni povas kunveni je alia tempo se estas vizitanta Esperantisto en Kanbero. Huigh (02) 6288 4334 huighm@gmail.com



**La Manlia Esperanto-Klubo** Ĉiuj bonvenaj. Unu taso da senpaga kafo Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Ne kunvenos 15an Decembron. (Zamenhof Tago estos la 16 a ĉe Esperanto Domo) Manlio Kunvenos la 5an de Januaro



## Esperanto-Domo Sidnejo

### Sidnejo: Esperanto-Domo Zamenhof-Tago

**la 16an de Decembro, 12a horo meztage. Ĉiuj bonvenaj.**

Se vi faras ion ajn rilate al Esperanto, se vi instruas nur unu personon, se vi vidis kaj parolis kun persono kun verda stelo, se vi aŭdis ion interesan rilate al Esperanto aŭ se vi havas eĉ malgrandan Esperantan aventuron, bv skribi al ni. Ĝuste via malgrava novaĵo povas inspiri aŭ eksciti aliajn.
.... kaj se la novaĵo estas ne bagatela kaj grava, nepre skribu.
Amike, Sandor eltiru el AE77 oct 2012

## Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os?

Maldetala informo sufiĉas. Kiuj ĉeestis? . rspring@tpg.com.au



## Vi apartenas al la Esperanta Familio de Aŭstralio. Helpu nian familon koni unu la alian. Skribu

in Bristol.: provo malŝalti trafiklumojn en Bristol. Vi povas rigardi tiun filmeton kun subtitoloj en Esperanto (maŝintraduko – tre aĉa!!!)